1887-1987
Centjara jubileo de Esperanto

# KELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 63 JULIO - DECEMBRO/88

E S T R A R O   D E   A. E. A.

**Prezidanto: S-ro Santiago Mulas**
**Vioprezidanto: S-ro Adonis Gonzáles**
**Sekretario: S-ro Julio Argüelles**
**Kontistino F-ino Mª Carmen Junco**
**Kasisto:**
**Bibliotekisto: S-ro J.M. Rguez. Felgueres**
**Gekomitatanoj: F-ino Pilar Alonso**
**F-ino Mª Jesús F. Luiña**
**S-ro Luis Muñiz**
**S-ro Faustino Castaño**
**S-ro Antonio Román**

A D R E S O   D E   A. E. A.

**Str. Begoña, 25**
**Telefono, 341918   33206 - GIJON**

---------

E N H A V O



**La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de A.E.A. Pri la artikoloj do, respondecas la aŭtoroj mem.**

**Depósito legal n-ro O/319/85**

P L I A N   F O J O N...

Jes, kara leganto, plian fojon ni alvenas al nia rendevuo por pardonpeto, sed, ĉi-foje, krom pro nia certe jam kutima malfruo, ni ankaŭ estas devigataj pardonpeti pro iomete pli grava manko, t.e. pro manko de nia rubriko : "LA VERDA KOMISAREJO", manko kiu fontas el foresto de nia vigla kaj senlaca ĈEFKOMISARO, M. Zibjades, kiu portempe ripozas el sia premstreĉa persekutado kaj sekva arestado de tiom da lingvodeliktuloj kiuj, bedaŭrinde, ja svarmas tra la ĵurnal-revu-gazetaro en nia Esperantio. La ripozloko de nia "Ĉefkomisaro" estas io, malproksima, en la Mediteranea marbordo.

Ni esprimas al li niajn bondezirojn pri sano, feliĉo kaj plena revigliĝo por daŭrigi sian Lingvo-kontroladon kaj purigadon. Tiel estu !

Kaj nun, kara leganto, ripetante nian pardonpeton pro tiaj supre menciitaj misfaroj, Ni antaŭvidas vin ĝis la venonta rendevuo, kiu estu pli suka kaj riĉenhava.

Do, ĝis la ... !

A D O N I S

# 'NIA' MONDA ESPERANTO-CENTRO

Mi estis en la 73ª Universala Kongreso en Rotterdamo, sed ne tute, ĉar mi alvenis tien je la 27ª vespero. Ĉiuj miaj geamikoj eksplodis per granda ĝojo, kiam ili vidis min; mia emocio estis troega; multaj el ili sciis, ke mi ne povis partopreni pro mia grava malsano (mi ankaŭ), sed la kuracisto donis al mi permeson por vojaĝi, post konsulto de rezulto de analizo. "Ĉio estas en ordo", li diris al mi. Tuj mia koro forte batas pensante pri la ableco de mia vojaĝo. Kiam mi demandis lin pri veturado al Nederlando per aviadiloj, li konsentis, konsilante min pri kelkaj temoj, kiel manĝaĵo kaj peno de mia agado dum la veturado.

Post du horoj mi jam aĉetis en la agentejo la precizaj biletoj por la flugado ĝis Amsterdamo tra Madrido. Kvar tagojn mi partoprenis en la Kongreso, almenaŭ ĉeestis en la kongresejo; mi vidis teatraĵon, filmon kaj internacian artan vesperon. En ĉi tiu spektaklo, daŭriganta tri horojn, unu paro de kubanaj geesperantistoj kantis kaj ludis gitaron. Ili estis la plej aplaŭdataj pro iliaj landaj kanzonoj en esperanto; ili ankaŭ aktoris ... la intermezo de la ... fermo de la 73ª Universala Kongreso. Belegaj kanzonoj !

La plej interesaj sciigoj estis pri "NIA" Monda Esperanto-Centro. Dum la pasinta Kongreso en Varsovio oni decidis pri la konstruado de ĉi tiu Centro en Bialistoko. La proponon prezentis la Presidanto de la pola Parlamento Sejmo. Poste, dum la vizito de la kongresanoj al la naskiĝurbo de Zamenhof, la 29-an de Julio, sur la skvaro apud la monumento de la kreinto de Esperanto, oni subskribis la historian dokumenton en la formo de fondoakto por la estonta Centro. Jam tiam sciate, ke la Centro estos starigita precize en la mezo mem de la urbo. La gvidantaro de Bialistoko destinis por ĉi tiu celo 4-hektaran placon. (Vidu foton de la projekto).



Ties ĉefa konstruaĵo estos monumenteca objekto, en kiu inter aliaj troviĝos: kongresa salonego por pli ol 1.000 sidlokoj, salonoj de diverslandaj komisionoj (ekz. la HISPANA SALONO, la Ĉina Salono, k.t.p.); klubejoj, teatrokinejo, restoracio, kafejo, teotrinkejo.

Post la funciigo de la Centro komencos sian agadon esplorevoluiga fako, kiu

inter aliaj gvidos lingvistikajn esplorojn. En la sfero de didaktiko la Centro kaj ties esplor-evoluiga fako plenumos diversajn funkciojn de la instruado de Esperanto, instruado de la pola lingvo al eksterlandanoj, kulturado de Esperanto instruistoj, studado de la arto traduki, ktp.

La finigon de la konstruado de Monda Esperanto-Centro oni antaŭvidas por la jaro 1.997, do post neplena dekjaro. La realigo de M.E.C. en la antaŭvidata periodo grandparte dependas de monrimedoj, kies kolektadon lanĉis la tiucele fondita Internacia Fondumo "L.Zamenhof".

En la konton de la fondumo kaj ĉe U.E.A. (en la subkonto) venas mondonacoj, krome venas ankaŭ objektaj donacoj.

Mi konsilas al ĉiuj gesamideanoj, speciale al niaj E-grupoj, tiun kunlaboron. Inter ĉiuj ni povas stari "NIAN faman Centron.

JULIO ARGÜELLES



## GEESPERANTISTA SERVO GEEDZIĜA

La Geesperantista Servo Geedziĝa (GSG) estas internacia komerca servo por esperantistoj de ĉiuj landoj kun celo helpi fondi pli multe da internaciaj esperantistaj familioj.

Dezirantoj geedziĝi skribu al:

GSG, Fotoklubo, kesto 175, Postamt,Minsk, 220050, USSR.

Aldonu du internaciajn respondkuponojn petante enketon. Sendante la plenigitan enketon aldonu 3 fotojn kaj, se vi viro, 10 irk. Por virinoj - senpage.

**ORNAMU VIAN LIBROŜRANKON KAJ PLIRIĈIGU VIAN BIBLIOTEKON PER "ASTURA BUKEDO", LA LIBRO, KIUN VI POVAS AĈETI ĈE NI. PREZO: 650 PESETOJ**

(daŭrigo de la paĝo 11)

kultato. Unue mi komencis studi medicinon, sed post unu jaro mi komprenis, ke mi estas tre emocia persono, kaj ke mi estos ĉiam malsana kun ĉiu mia estonta paciento, kaj mi baldaŭ elektis alian, filologian fakultaton. Miaj gepatroj estis seniluziiĝintaj . Pli frue mi fariĝis provinca profesorino pri literaturo kaj lingvoj; miaj gepatroj forvojaĝis al Trieste (Italio) kaj aĉetis por mi tiun ĉi braceleton. Ofte mi uzas ĝin sentante amon al miaj karaj gepatroj. Ĝi konsistis el pluraj oraj folioj, kaj similis al iu ora branĉeto."

Ana silentis rigardante iun verdan arbofolion, kie sunumis belega papilio,kaj lanta vento ilin ambaŭ lulis. Mia amikino ankoraŭ estis en la propra pasinteco. Ŝi aspektis serioza. Subite ŝi leviĝis de sur la benko kaj ŝi proponis iomete promeni.

Preskaŭ ŝi flustris:

(daŭrigo sur la paĝo 5)

# REKOMENCI



Jam forpasis kelkaj jaroj de kiam tiu filmo "Rekomenci" (Volver a empezar) atingis tiom gravan sukceson. Ĉar vi bone memoras, ĝin oni premiis per la plej alta distingo nuntempe ekzistanta en la kina mondo: "la Oskaro". Tiu honoro, neniam antaŭe atingita de hispana filmo, eksplodigis grandajn laŭdojn pri la menciita filmo. Konsekvence de tiu premio kaj de altgradaj komentarioj favoraj al la hispana kino, mi skribis por "HELECO", miajn opiniojn pri la hispana kino kaj pri la filmo "Rekomenci" (1). Restis tre klare, en mia antaŭa skribaĵo, ke mi ne spektis la filmon, ĉar en tiu tempo, estis por mi lukso pagi la enirbileton de kinejo. Tamen mi promesis, ke kiam mi spektos ĝin pere de la televido, mi denove skribos pri ĝi.

Nu, tiu ebleco efektiviĝis en la monato Aŭgusto. Mi tute trankvile rigardante la televidaparaton ĝuis la priparolitan filmon.

"Rekomenci", kies originala titolo estas "Begin the Beguin", prezentas, je la unua loko, kvazaŭ omaĝon al tiuj intelektuloj, kiuj devis forlasi Hispanujon post la intercivitana milito, kaj samtempe montras la disŝiron de multaj hispanaj familioj kaj geamantoj. Estas ankaŭ nostalgio al la Patrio aŭ al tiuj lokoj, kie oni travivis la plej junajn jarojn, kaj omaĝo al la amataj geamikoj, kiuj dum multaj jaroj restis en la memoro.

Estas evidente, ke el ĉiuj amoformoj de la homaj estaĵoj, la plej grava estas tiu inter virino kaj viro, aŭ almenaŭ al tia amo estas al kiu oni dediĉas specialan atenton.

La konversacioj inter la ĉefaj gerolantoj de la filmo estas – poezia kanto al la amo –, la tuta filmo estas platona amo. Sed la esprimo-formo de tiu ama poezio restas for de la nuntempa parolmaniero. Kiam tiuj du ĉefaj geartistoj konversaciadas, ĉu sidantaj en tiuj belaj manĝejoj "subĉielaj", ĉu promenante tra la stratoj de Gijón aŭ de ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, tuj oni povas konstati, ke tiu parolmaniero apartenas al epokoj jam pasintaj. Tiuj dolĉaj kaj reciprokaj eksponoj iom naivaj pri la sentata amo, ne plu apartenas al la nuna leksiko. Ĝi estas iom simile al "Romeo kaj Julieto". La subskribinto ne kredas al tia platona amo, al tiuj kareseman kaj mildaj vortoj. Al la persono plej amata de mi, mi ne povus adresi tiujn vortojn. La vivo, la ĉiutaga vivo, kun ĉiuj siaj problemoj estas tute alia. La amo, la vera amo estas la ĉiutaga konstanta batalado por la vivo, precipe en la laboristaj vicoj. La lukto de la geparo por manĝigi la gefilojn kaj ilin eduki, estas la vera amo. La plena interkonsento kaj reciproka kunhelpo estas la fonto, el kie ŝprucas la vera amo. Ne ekzistas amo, se ne ekzistas lukto. Do, en mia opinio la konversacia stilo de la du ĉefaj rolantoj estas for de la reala – vivo.



Tamen estas io en la filmo, kiu tre plaĉas al mi, nome, kiam la du geartistoj silentas. Tiuj spacotempoj de la filmo estas tre gravaj por la spektantoj,ĝuste estas tiam, kiam la rigardanto devas pensi, kiam li, aŭ ŝi, devas analizi, kio estas la amo ?, kiaj estas la rilatoj inter viro kaj virino ?, kial ekzistas tiuj reciprokaj sentoj inter viro kaj virino ? Estas ankaŭ la momento por, eble tre rapide, konstati siajn propr**a**jn rilatojn, sian kunvivadon, la ĉiutagan lukton, kaj surbaze de ĉi tiuj pensoj kaj konkretaj respondoj la spektant/in/o povas konkludi,ĉu li/ŝi estas feliĉa aŭ ne ?, ĉu en sia vivo ekzistas vera amo ? La spektanto de tiu filmo devas ankaŭ pensi, ne unike rigardi, kaj la vero estas, ke kiam ambaŭ geartistoj konversaciadas, malmulte oni povas pensi.

Mi bonege komprenas, ke por la ĥiĥonanoj, la filmo enhavas specialan allogon, intereson. La filmo estas bilda broŝuro turisma pri Ĥiĥono kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj. Belega, belega tiu parto de la filmo,ĉar la pejzaĝo de tiu astura tero tion jam meritas. Kaj al tio ankoraŭ oni devas aldoni la urban piedpilkan teamon. La tuto metas la filmon, en la fakon aŭ stilon nomata"loka".

Estas parto malbela de la filmo, la rolo de la hotelestro. Lia tasko, ne akordas kun la filmo kaj verŝajne la direktoroj aŭ estroj de la hoteloj malaprobos ĝin, ĉar la agmaniero de la hotelestro estas ridinda.

Estas aliaj du eroj de la filmo, kiuj ne multe kongruas kun tiu poezia kanto al la amo. Unu el ili estas, kiam la reĝo telefonas al la rolanto pro aŭ pri la aljuĝita Nobel-premio, kaj la alia estas,kiam la rolantino invitas lin kune enlitiĝi.Tio jam estas du materiaj aspektoj de tiu senpeka amo.

Ankaŭ mi ne scias, kial oni metis tiun usonan muzikon, kiam en Asturio estas tiom bela folklora muziko. La filmo ankaŭ povis titoliĝi "La fino", ĉar la ĉefa rolanto, unike venas al Hispanio por anonci sian morton.

Estas kompreneble, ke kiam tiuj inteligentaj homoj de la kinarto elektis tiun filmon, kiel la plej bonan filmon eksterlandan, sendube ĝi meritas tiom altgradan distingon. Tamen, se vi permesas komparon, por mi estas multe pli interesa la filmo "La senpekaj sanktuloj", kie la amo brilas en sia tuta forto, en konstanta lukto en la reala vivo.

Jen mia opinio.

Luis Serrano Pérez

Sabadell, 23-8-1988



(daŭrigo de la paĝo 3)

"- Jen la historio pri la tria ora braceleto. Estis gaja aprila tago; mi aŭdis pordsonorilon, kaj mi malfermis la enirpordon. Antaŭ mi estis leterportisto, kiu transdonis al mi etan pakaĵon. Imagu, ĝuste tiun tagon estis mia nomtago. En la pakaĵo estis ora braceleto de mia esperantista korespondanto kaj amiko el Ĉeĥoslovakio. Ĝi estis simpla, je formo de ringo, sed ĝi tre ĝojigis min. Ĝia sorto estis jena: Mia amiko sendis,sed iliaj doganoj resendis al lia adreso pro tiutempaj ŝtataj formalaĵoj kaj strangaj leĝoj. Pri tio li rakontis al najbarino, kiu konis iun funkciulon, kaj ŝi jam scias, ĝi en ordo atingis min. Dum multaj jaroj la braceleto kuŝas en la sama kartona skatolo en kiu troviĝas de ĝiam. Mi neniam uzis ĝin, do ĝi vivas kiel en malliberejo. Kion fari, tia estas ĝia sorto!"

Post paŭzo, Ana parolis:

(daŭrigo sur la paĝo 10)

# Niaj Geamikoj el....

## ...Usono

LA AVENTUROJ DE USONA ESPERANTISTO EN EŬROPO



Kiel jam scias niaj geamikoj de la ASTURA ESPERANTO-ASOCIO, mi estas profesoro de hispanaj lingvo kaj literaturo en Usono. Mi loĝas en la urbo Mil Kverkoj (Thousand Oaks en la angla kaj Mil Robles en la hispana), en la ŝtato de Kalifornio, proksime al la okcidenta marbordo de Usono. Mil Kverkoj havas 90.000 loĝantojn kaj troviĝas je 70 kilometroj de la fama urbego Los Angeles kaj nur je 300 kilometroj de la meksikia landlimo. La universitato, kie mi instruas nomiĝas California Lutheran University(Kalifornia Luterana Universitato), ĉar ĝi havas rilaton kun la luterana eklezio.Ĝi estas malgranda, kun proksimume 1.500 studentoj. Ĝi estas ankaŭ sufiĉe nova. Ĝi fondiĝis en 1961 kaj mi komencis instrui tie en 1965.

En 1979 mi komencis lerni Esperanton kaj ekde 1982 mi apartenas al malgranda Esperanto-rondo (7 personoj), kiu renkontiĝas dufoje monate en urbeto apud Mil Kverkoj. Ni babilas en Esperanto, ni legas kaj tradukas rakontojn, ni kantas esperante , sed ankaŭ ni tre ofte krokodilas ! Kelkfoje mi ĉeestas la kunvenojn de la Esperanto klubo de Los Angeles, kiuj okazas monate; kie ĝenerale estas paroladoj pri Esperanto-temoj. Unufoje ĉiujare estas ankaŭ kunveno por la esperantistoj de la tuta ŝtato Kalifornio, sed mi ofte ne povas iri tien. Ankaŭ okzistas en Usono organizo kiu nomiĝas Esperanto-Ligo por Nordameriko. Mi ĉeestis kongresojn de ĉi-tiu grupo en San Francisko kaj en Vaŝingtono, nia ĉefurbo, kaj ekde la pasinta somero mi estas ano de ĝia estraro.

Do ekzistas en Usono bona estrukturo, almenaŭ en multaj regionoj de mia lando, por studi kaj praktiki Esperanton. Tamen, Esperanto ne estas grava afero en Usono kaj tre malmultaj homoj deziras lerni ĝin. Mi devas eĉ konfesi ke multaj el niaj samlandanoj ne scias, kion signifas la vorto Esperanto. Rilate al nia lingvo, estas grandega kontrasto inter Usono kaj Eŭropo. Mi ĉeestis tri Universalajn Kongresojn (Vankuvero en 1984, Aŭsburgo en 1985 kaj Varsovio en 1987) kaj tie mi povis konstati la grandan fortecon de Esperanto en diversaj eŭropaj landoj.

En Varsovio, dum la pasinta somero, mi ekkonis don Santiago Mulas kaj don Ju-



lio Argüelles kaj ni parolis pri Esperanto en Hispanio kaj en Asturio. Tuj post la kongreso mi flugis al Madrido kaj poste venis al Oviedo. Mi jam pensis pri la ebleco studi ĉe la Universitato de Oviedo kaj volis "esplori la terenon", kiel oni diras, antaŭ ol fari decidon. Dum la tri tagoj de ĉi-tiu vizito tre plaĉis al mi la urbo kaj la ĝenerala medio kaj ĉio konvinkis min, ke mi volus reveni.

Dum la dua duono de ĉi-tiu akademia jaro mia universitato donis al mi liberan tempon (kun mia normala salajro) por dediĉi min al iu ajn agado de profesia valoro por mi kiel profesoro de la hispana. Tio okazas kiel normala aspekto de la universitata vivo en Usono, sed por mi estis la unua fojo. Do mi decidis veni al Oviedo kiel eksterlanda studento. Mi alvenis la 4-an de Februaro. La direktoro de la programo por eksterlandanoj estas tre afabla persono kaj donis al mi permeson por ĉeesti kursojn en la speciala programo por eksterlandanoj kaj en la normala programo por la hispanoj. Dum pli ol du monatoj mi ĉeestis multajn kursojn pri tre diversaj temoj, ekzemple, pri la literaturo antikva kaj moderna de Hispanio, la literaturo de Hispan-Ameriko, la historio de Hispanio kaj la franca j literaturo kaj kulturo, kaj ankaŭ kursojn pri lingvoj, ne nur la hispana sed ankaŭ la germana kaj la itala. Ĉi-tiu studprogramo estis vere la centro de mia agado en Hispanio kaj mi firme kredas ke ĝi estis tre valora por mi.

Sed en Oviedo ankaŭ la ĝenerala vivo de la urbo estis nova kaj interesa sperto por mi. Mi vizitis magazenojn, butikojn, la vendoplacon,la komerccentron Salesas, la bibliotekon, la preĝejon San Juan el Real, la Teatron Campoamor, kinejojn kaj la grandan Parkon San Francisko. Mi eĉ pasigis multe da tempo nur promenante laŭ la stratoj kaj rigardante la amasojn da homoj. Mi konservas tre agrablajn memorojn pri la maniero de la vivo en Oviedo.

Mi uzis la okazon de la Ferioj de la Sankta Semajno kaj la semajno sekva por vojaĝi al aliaj regionoj de Hispanio. Dum la unua semajno mi vojaĝis sole en Andaluzio,vizitante la urbojn Sevilla (kun ĝiaj famaj religiaj procesioj), Cádiz, Algeciras, Ceuta kaj Málaga kaj la belan Sunmarbordon, kie mi trovis alian Hispanion, ankaŭ sufiĉe interesan por mi, kvankam tre malsimilan al la natura kaj al la homa medio de Asturio . Je la Pasko mia edzino renkontiĝis kun mi en Madrid, grandega ĉefurbo, kiu prezentas alian faceton de la hispana vivo. Dum la dua semajno ni vojaĝis kune kiel turistoj.Ni estis mallonge en San Sebastián, Pamplona kaj Barcelona kaj ĉefe en Palma de Mallorca.La restado sur tiu tre konata insulo kaj la marvojaĝo tre plaĉis al ni.

Tamen, kune kun ĉio, kion mi jam diris ĉi-tie, mi volas klare indiki ke vi ĉiuj , la esperantistoj de Asturio, estis tre grava parto de mia sperto en Hispanio. Baldaŭ post mia alveno al Oviedo, mi skribis al don Santiago por diri al li, ke efektive mi estis en Oviedo kaj ke mi volis startigi kontakton kun lia grupo. Li tuj respondis al mi kaj invitis min al la kunvenoj en Gijón. Mi partoprenis ĉiun vendredon kaj ĉi-tiuj vizitoj fariĝis por mi ne nur bona maniero pligrandigi mian scion kaj mian konon de Esperanto sed ankaŭ bonega maniero ĝui amikecon kun pluraj samideanoj en Hispanio. Vi ĉiuj estis tre afablaj al mi kaj per vi mi forte konstatis la valoron de Esperanto kiel instrumento de internacia komunikado inter la individuoj kaj inter la popoloj de nia mon-

>>>

do. Kiel signo de ĉi-tiu amikeco mi konservas la du donacojn, kiujn mi ricevis de vi: la libron Astura Bukedo, antologion en Esperanto de diversaj famaj asturaj verkistoj, kaj la teatraĵon Ho, mia kor' ! pri la vivo de Ludoviko Zamenhof, pro kiuj mi denove tre kore dankas vin.

Ankaŭ mi povis viziti dufoje antaŭ ol mia foriro el Oviedo la Esperanto-grupon de don Nicolás Muñiz kaj de doña María José Alvarez en Avilés kaj ili estas ankaŭ tre simpatiaj personoj. Bonvolu saluti ilin en mia nomo kaj ankaŭ mian alian bonan Esperanto-amikinon, doña Delia Martínez, kiu estas studentino el Navia. Mi esperas ke ŝi nun apartenas al la grupo de Avilés.

Mia edzino kaj mi forlasis Oviedon la 17-an de Aprilo. Poste ni vojaĝis per trajno en diversajn eŭropajn landojn antaŭ ol reveni hejmen el Madrido dum la unua semajno de Majo. Ni estis en pluraj lokoj en Francio, Svislando, Italio, Aŭstrio, Okcidenta Germanio kaj Nederlando. La vojaĝo, kvankam tro rapida, estis interesa. Mi volas speciale mencii tri urbojn, kiujn ni vizitis, ĉar temas pri Esperanto:

La Chaux-de-Fonds estas urbeto en tre bela regiono de la montoj de la franclingva Svislando. Tie troviĝas la Kultura Centro Esperantista, al kiu venas studentoj el diversaj landoj por lerni Esperanton. Nia filino, kiu estas tradukistino inter la franca kaj la angla volas lerni ankaŭ Esperanton kaj dum la tria semajno de Aprilo ŝi ĉeestis mallongan kurson ĉe la centro. Ni vizitis ŝin dum unu tago kaj ĉeestis unu klason. Ŝi kaj ni konsentas, ke la programo estas valora kaj la instruisto, sinjoro Claude Gacond, estas bonega. (La kuirarto tie estas ankaŭ mirinda !) Mi forte rekomendas la centron.

En Vieno estas la Internacia Muzeo pri Esperanto kaj ni vizitis ĝin. Ĝi apartenas al la Nacia Biblioteko de Aŭstrio sed ĝi troviĝas en alia loko. Fakte, ĝi estas en la plej alta etaĝo de tre antikva, imponа konstruaĵo, preskaŭ palaco, en la centro de Vieno. Ĝi enhavas multajn objektojn de tre diversaj specoj rilate al la pasinteco de Esperanto, ekzemple, bildojn kaj statuojn de doktoro Zamenhof, anoncojn en Esperanto pri vojaĝoj, poŝtmarkojn el multaj landoj, poŝtkartojn kaj librojn en Esperanto, kaj estas ankaŭ broŝuroj pri Esperanto en la nuna tempo. Kvankam la muzeo estas malgranda, ŝajnas al mi, ke ĝi estas interesa por esperantistoj el la tuta mondo.

Fine, en Roterdamo ni vizitis la Centran Oficejon de la Universala Esperanto-Asocio. Dum la lasta semajno de Julio de ĉi-tiu jaro okazos en Roterdamo la Universala Kongreso. Bedaŭrinde ni ne povos ĉeesti, sed almenaŭ ni povis vidi la Centran Oficejon kaj ekkoni kelkajn homojn, kiuj jam multe laboras por prepari ĉion por la kongreso. Estis la 28-a de Aprilo kaj hazarde tiu tago estis la 80-a datreveno de la fondiĝo de UEA. Do oni havis malgrandan feston por ĉiuj, kiuj laboras en la oficejo, kaj oni invitis nin ankaŭ al la festo. Ĉiuj tre ĝojis vidi nin kaj montris al ni la tutan oficejon kaj klarigis al ni diversajn aspektojn de la laboro, kiun oni faras tie por kontribui al la disvolviĝo kaj la kresko de Esperanto tra la mondo. Se mi bone memoras, preskaŭ 20 homoj laboras en la oficejo. Por ni la plej interesa parto estas la



Libroservo. Tie oni povas aĉeti librojn, diskojn kaj aliajn materialojn rilate al Esperanto kaj al la ĝenerala problemo de la internacia komunikado. En Roterdamo ni ankaŭ vidis la grandegan kongrescentron, en kiu la universalkongresanoj kunvenos en Julio. Mi esperas, ke kelkaj asturaj esperantistoj povos ĉeesti.

En la somero de 1989 la Universala Kongreso okazos en Anglio, en la marborda urbo Brighton. Mia edzino kaj mi intencas ĉeesti tiam. Ni vere esperas vidi tie kelkajn el niaj geamikoj de la astura Esperanto-movado. Si ankaŭ tre ĝuis siajn vizitojn ĉe vi. Ni denove dankas vin pro via gastamo kaj via amikeco. Ni esperas, ke vi ĉiuj bone fartas kaj ni deziras al vi ĉiam bonŝancon je via laboro por Esperanto.

Kore,

James Fonseca

James Fonseca

...Pollando




## RECENZO PRI LA LIBRO "ASTURA BUKEDO"



Pri la recenzo de la libro "ASTURA BUKEDO" petis min mia amiko sinjoro Santiago Mulas Gallego, kiu ankaŭ la libron al mi donacis.

Ĉar mi estas nek profesia, nek eĉ amatora recenzisto - ĉi-subaj vortoj ne pretendas do esti vera recenzo. Pli precize - mi skribos ion similan al lerneja tasko sub titolo: "Kion mi sentas tralegínte la libron".

La enhavon oni povus dividi laŭ kelkaj faktoroj. Unue - laŭ la aŭtoroj de la aperigitaj verkoj. Ĉi tie mi povas aldoni nenion, ĉar pri ĉiu el ili mi aŭdas unuafoje. Mi do ne povas diri, ĉu la elektitaj de la redaktanto de la libro aŭtoroj estas ĝustaj reprezentantoj de la astura literaturo. Mi kredas ke jes.

Due - tio ĉi estas videbla je unu rigardo - parto de la verkoj estas poezio, parto estas prozo.

Same malfacile estas diri, ĉu la elektitaj verkoj estas elektitaj plej bone. Nu, kompreneble - la redaktanto de la libro, laŭ sia vidpunkto faris la plej bonan el la eblaj elektoj.

Legante la unuan, poezian, parton de la libro, mi devis vere "trabatali tra la tekstoj. Mi kredas, ke la tradukintoj celis fari kiel eble plej bonajn tradukojn, kiuj redonus la plej profundajn pensojn de la aŭtoroj. Kaj certe ili faris tion ĉi sukcese. Sed, kion fari, se oni ne ŝatas t i a s p e c a n poezion ? Kvankam " La trajno ekspresa" de R. de Campoamor kaj "Universala danco" de R. Pérez de Ayala ne

elvokis ĉo mi miran domandon: ĉu tio ĉi estas poezio ?, ĉu: kion ĝi signifas ? La du menciitajn tekstojn sen ia profunda pripenso mi simple – komprenis. Sed mi tute ne komprenis malgraŭ multfoja tralego kaj pripenso – kion devis signifi la tria "Gloso al Heraklito"...

En la "proza" parto mi trovis nek unu rakonton gajan, radiantan per ĝojo kaj energio. Ĉiuj rakontas pri sufero, morto, krimo. Se tio ĉi estas trajto de astura, kaj ĝenerale hispana, kaj eĉ pli ĝenerale ibera, ĉu iberdevena literaturo/ rememoriĝas al mi la "Antologio de brazilaj rakontoj"/ – sendube la elektitaj rakontoj donas ĝustan trarigardon. Mi ne povas diri, kiu el la rakontoj plej plaĉis al mi, kiu plej malplaĉis al mi. La "plaĉo-grado" estas egala, sufiĉe alta.

Mi pensas ke en estonteco mi neunufoje prenos ĉi-libron de la librobreto.

Sincere dirante – en la libro ne plaĉis al mi troo da neologismoj. Se oni devas multfoje dum legado serĉi glosojn por klarigi al si nekompreneblajn neologismojn – la legado fariĝas neoportuna. Kial la tradukintoj ĝis enuo ripetas la vorton "poka" kiun mi trovis nek en unu el miaj vortaroj/PIV-on mi domaĝe ne havas/. Same "nul' ", "mavo"...

Se temas pri la teknika flanko... Estas al mi simple agrable tuŝi, trafoliumi la libron, vidi la neĝblankan, glatan paperon kun sufiĉe grandaj, bone legeblaj literoj . Estas agrablo /post miaj spertoj kun mia-landaj libroj/ kuraĝe ĝin trafoliumi neunufoje, sen timo, ke dum la unua foliumado ĉiu folio aparte defalos de la ankoraŭ ne foliumita resto...

Kelkaj neforigitaj preseraroj kaŭzas sendube pro tio, ke la kompostisto ne estas esperantisto kaj la presej-koboldo kovris la erarojn antaŭ la okuloj de la korektisto.Eĉ sur la lasta kovrilpaĝo ĝi/la koboldo/ konservis kvar preserarojn.

Estus bone kaŭzi, ke la presejo disponu per ŭ-litero kun "U" forma supersigno,anstataŭ "birdetforma" ˇ.

Estas bone, ke la "ASTURA BUKEDO" eldoniĝis. Kiu ŝatas bonan, mallongan legaĵon – akiru ĝin.

Vroclavo, en junio, 1988.

Teodor Konopka



(daŭrigo de la paĝo 5)

"– Ofte donacoj ne atingas ĝustajn personojn. Ĉiam akceptinte tiujn ĉi braceletojn, mi pensis kial mi ne ricevis iun bonan libron anstataŭ juveloj. Ĉar por mi, bela arta verko ĉiam estas pli valora kaj pli ŝatata ol la plej multekosta juvelo.

En Esperanto verkis Branka Leontić el Ŝabac

elvokis ĉo mi miran domandon: ĉu tio ĉi estas poezio ?, ĉu: kion ĝi signifas ? La du menciitajn tekstojn sen ia profunda pripenso mi simple – komprenis. Sed mi tute ne komprenis malgraŭ multfoja tralego kaj pripenso – kion devis signifi la tria "Gloso al Heraklito"...

En la "proza" parto mi trovis nek unu rakonton gajan, radiantan per ĝojo kaj energio. Ĉiuj rakontas pri sufero, morto, krimo. Se tio ĉi estas trajto de astura, kaj ĝenerale hispana, kaj eĉ pli ĝenerale ibera, ĉu iberdevena literaturo/ rememoriĝas al mi la "Antologio de brazilaj rakontoj"/ – sendube la elektitaj rakontoj donas ĝustan trarigardon. Mi ne povas diri, kiu el la rakontoj plej plaĉis al mi, kiu plej malplaĉis al mi. La "plaĉo-grado" estas egala, sufiĉe alta.

Mi pensas ke en estonteco mi neunufoje prenos ĉi-libron de la librobreto.

Sincere dirante – en la libro ne plaĉis al mi troo da neologismoj. Se oni devas multfoje dum legado serĉi glosojn por klarigi al si nekompreneblajn neologismojn – la legado fariĝas neoportuna. Kial la tradukintoj ĝis enuo ripetas la vorton "poka" kiun mi trovis nek en unu el miaj vortaroj/PIV-on mi domaĝe ne havas/. Same "nul' ", "mavo"..

Se temas pri la teknika flanko... Estas al mi simple agrable tuŝi, trafoliumi la libron, vidi la neĝblankan, glatan paperon kun sufiĉe grandaj, bone legeblaj literoj . Estas agrablo /post miaj spertoj kun mia-landaj libroj/ kuraĝe ĝin trafoliumi neunufoje, sen timo, ke dum la unua foliumado ĉiu folio aparte defalos de la ankoraŭ ne foliumita resto...

Kelkaj neforigitaj preseraroj kaŭzas sendube pro tio, ke la kompostisto ne estas esperantisto kaj la presej-koboldo kovris la erarojn antaŭ la okuloj de la korektisto.Eĉ sur la lasta kovrilpaĝo ĝi/la koboldo/ konservis kvar preserarojn.

Estus bone kaŭzi, ke la presejo disponu per ŭ-litero kun "U" forma supersigno,anstataŭ "birdetforma" ˇ.

Estas bone, ke la "ASTURA BUKEDO" eldoniĝis. Kiu ŝatas bonan, mallongan legaĵon – akiru ĝin.

Vroclavo, en junio, 1988.

Teodor Konopka



(daŭrigo de la paĝo 5)

"– Ofte donacoj ne atingas ĝustajn personojn. Ĉiam akceptinte tiujn ĉi braceletojn, mi pensis kial mi ne ricevis iun bonan libron anstataŭ juveloj. Ĉar por mi, beIarta verko ĉiam estas pli valora kaj pli ŝatata ol la plej multekosta juvelo.

En Esperanto verkis: Branka Leontić el Ŝabac

# Amikoj de la Orienta Atlantiko (A.D.L.O.A.)




Mia kara amikino Giséle, de Eysines (Francio), informis min pri nova Esperanto-Asocio: "AMIKOJ DE NORDOKCIDENTA MEDITERANEO".

La ideo estas eksterordinare bona, kaj mi volas profiti ĉi tiun ideon por krei similan asocion por la orienta atlantiko.

Ĉi tie ni publikigas la informon de la antaŭe menciita asocio, nur ni ŝanĝis la lokojn kaj landojn, sed la ideo restas senŝanĝa.

Bonvolu legi kaj sendi vian opinion.

Estimataj gesamideanoj:

Nia internacia lingvo povas aspekti efika por neesperantistoj, nur se ni montras la eblecojn interkontakti samideanojn loĝantajn en malsamaj landoj, se ni vidigas, ke samideanoj tra la mondo estas ĉiam amikoj, se ni ofte kunvenas okaze de mallongaj vojaĝoj... ni proponas krei tiun novan asocion: "AMIKOJ DE ORIENTA ATLANTIKO".

Ĉi tiu asocio supreniras sur la landlimoj de Hispanio, Francio kaj Portugalio. Ĝi etendiĝos de sud-okcidenta Portugalio ĝis nord-okcidenta Francio trairante tra norda Hispanio. Ĉiuj estas Regionoj kaj Landoj de venonta Eŭropo. Ĉu ni povus montri, ke antaŭ ol 1992, ni povas jam amike agi pere de Esperanto ?

Kiajn proponojn ? Mi ofte renkontas samideanojn el Portugalio kaj Francio okaze de kunvenoj kaj kongresoj, sed mi esperas, ke ni kune povos organizi kunvenojn kaj vojaĝojn tra niaj landoj, por kontakti unuj kun la aliaj.

Ĉar ni ne volas aldoni novan kotizon al la multnombraj, kiujn ni jam devas pagi, ĉiu sialoke, ke ni ne povas eldoni novan gazeton, ĉiam multekostan, ekzistas ebleco kiun ni proponas: en Regionoj jam ekzistas regionaj revuoj . Oni donus ankoraŭ plian intereson al tiuj revuoj, se en ĉiuj, oni informus pri



la rendevuoj de proksimaj regionoj, se oni informus pri la vojaĝoj organizitaj el tiuj regionoj, kiujn povus tiel partopreni proksimaj aŭ neproksimaj amikoj, ktp.

Tiel ni povus frueco koni ĉiujn tiujn proponojn, kaj partopreni iujn proksimajn kunvenojn laŭ niaj propraj eblecoj.

Por plenumi tiun agon, en ĉiu regiona revuo aŭ gazeto, oni devus trovi la adresojn de ĉiuj aliaj priresponsuloj de ĉiuj gazetoj. Tiel, ĉiu organizonto povos informi ĉiujn.

Jen adreso:

"HELECO": gazeto de Astura Esperanto-Asocio
Strato Begoña, nº 25
33205 - GIJON (ASTURIAS) HISPANIO

SANTIAGO MULAS GALLEGO
Prezidanto de Astura E-Asocio



(daŭrigo de la paĝo 17)

vas nenion eksterordinaran. Ne estas luksaj ornamaĵoj, nek gravaj spektakloj. Ĝi estas sobra, kiel la vivo mem de la kamplaboristo, kiel la propra Kastilio, sed en ĝi troviĝas io plej valora ol ĉio ajn. Ĝi estas festo gaja, solidara, amika kaj sincera specimeno de vilaĝa kunvivado, kiu sub la pieco al sia Virgulino, eĉ se ne ĉiuj loĝantoj estas religiaj praktikantoj, travivas unu el la tagoj plej feliĉaj de la jaro, forgesante kiu ajn problemon. Jen bildo de la gastema kaj tutkore sincera kastilia gento.

LUIS SERRANO PEREZ
SABADELL

## NIA ANTENO

Antaŭ ol la fino de la jaro ni deziras reliefigi la agadon de nia samideano S-ro Nicolás Muñiz, Prezidanto de la Esperanto-Grupo "ANTAŬEN", el Avilés, kiu, okaze de la vizito de la filo de la hispanaj geReĝoj, LIA REĜA MOŜTO, Princo de Asturio, kiu vizitis nian provincon por festi la sesan jarcentdatrevenon de ĝia fondiĝo, li sukcesis transdoni al li, ekzemplerojn en Esperanto de "La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha" kaj la de ni eldonita "Astura Bukedo" kun perskribita dediĉo, kie li reliefigis la bezonon de Esperanto kaj por Eŭropo kaj por la tuta mondo.



NI BONDEZIRAS KRISTNASKON KAJ NOVAN JARON AL NIA LEGANTARO



# Festoj kaj Moroj de Kastilio



iu vilaĝo aŭ urbo havas siajn specialajn festotagojn lokajn dum kiuj oni celebras religiajn kaj laikajn ceremoniojn. Ili estas festoj devenantaj de malnovaj okazintaĵoj, kiuj fariĝis tradiciaj kaj iumaniere reliefigas la pasintan vivon de la vilaĝo aŭ urbo. Tiuj festoj identigas la loĝantaron kun iliaj antaŭuloj. Festoj, kiuj dum jaroj kaj jaroj fariĝis posedaĵo de la vilaĝa aŭ urba idaro. Idaro, kiu generacio post generacio transdonas la valorojn spiritajn kaj humanajn al siaj posteuloj. Estas la vivo, kiu generas pluan vivon.

Tie, kie finiĝas la larĝa kaj longa Kastilio; tie, kie finiĝas la "maroj de tritiko", apud la kantabra montaro, troviĝas vilaĝo nomata Osorno apartenanta a la provinco Palencia. Ĉi tiu vilaĝo estas loĝata de ĉirkaŭ 2.000 homoj, kaj same kiel ĉiu vilaĝo de Hispanujo aŭ de la mondo, ankaŭ ĝi havas siajn specialajn festojn lokajn. Unu el tiuj rimarkindaj festoj estas la tiel nomata "Nia sinjorino, la Virgulino de Ronte", festo celebrata la lundon de la Pentekosta Pasko.

La printempo estas sezono gaja, esperiga, plena de optimismo. Se la printempo estas la tempo de la floroj, ankaŭ ĝi estas grava periodo por la resto de la jaro. Se la printempo estis plensuna kaj pluvema, kun adekvata vetero por la kreskantaj cerealoj, ĉi tio signifas, ke la rikolto estos abunda kaj kontentiga. Tial, la somero prezentiĝas rozkolora. La grejnejoj certe pleniĝos. Estos multa laboro, kio siavice signifas, ke la vintro, eĉ se ĝi estus tre severa, ne fariĝus tiom timiga por la laboristaj hejmoj. Kastilia kamplaboristo bone scias, ke de somera ŝparado dependas la trankvila vintra dormado.

La antaŭkalkulita rikolto multe influas por la bona celebrado de la "Tago de Ronte", kiel popolare estas konata la menciita festo.

Evidente, kiam la estonteco aperas sen ia griza nubo, la homo sin sentas pli feliĉa kaj pli preta eksterigi siajn vivodezirojn. Dum tiu tago multaj osornanoj ĉu piede aŭ ne piede, pilgrimas danki la Virgulinon, pro la antaŭvidebla abunda rikolto. Tiu fido estis por multaj osornanoj, almenaŭ antaŭe, fonto de feliĉo.

La Virgulino de Ronte troviĝas en ermitejo, kiu situas kvar kilometrojn for de la vilaĝo, en plena kamparo. Kiel aperis la adorata Virgulino ? La rakonto aŭ legendo estas simpla: du junaj paŝtistoj, kiuj troviĝis sub la ombro de figarbo, estis surprizitaj pro la subita apero de iu bela sinjorino, kiu anoncis al ili, ke ŝi estis la Virgulino. La sceno ripetiĝis dum kelkaj tagoj, kun la unika peto de la Virgulino, ke en tiu loko oni konstruu por ŝi ermitejon. Ĉar la loko estis konata sub la nomo Ronte, jen do la origino de "la Virgulino de Ronte".

Kvankam la pilgrima festo estas nur unutaga, la preparoj komenciĝas kelkajn tagojn antaŭe, aŭ eĉ monatojn, ĉar jam anticipe oni bredas ŝafidojn, kokojn, kuniklojn por tiu tago.

Esence tio ja estas la ripeto de la vivo kaj morto: por ke iuj estu feliĉaj, aliaj devas morti !! Kia leĝo estas tiu ? Ĉu ĝi estas racia, natura, superhoma ? La precipa kuirformo por tiuj viandoj estas la rostado. Spertulo pri kuirarto bone povus rakonti pri la superbonegaj rostitaj ŝafidoj. Ĝi estas la tipa kastilia plado. En tiu tago oni bone honoras ĝian famon.

Por celebri la feston, la homoj dividiĝas en du grupojn. Unu el ili estas familiara; la alia, el geamikoj, kiun lastan konsistigas nur gejunuloj. Kiam ĉio estas bonorganize preparita, baldaŭ alvenas, kun la nehaltigebla tempopaso, la sopire dezirata celebrado - de la "Tago de Ronte". Frue, en la mateno, la piuloj plej religiemaj jam translokiĝas al la ermitejo, kiu, kiel dirite, troviĝas kvar kilometrojn for de la vilaĝo.Ne pensu,ke ĉiuj procesie marŝadas; tute ne. La piedirantoj elektas kelkajn vojojn aŭ vojetojn.Ŝajnas,kvazaŭ la kamparo subite plenigus de grandaj formikoj diverskoloraj. La verdaj kaj ampleksaj tritiko-kampoj, la multaj vito-plantejoj kaj la flaro de la herboj en ĉi tiu gaja printempa mateno, donas rigardindan panoramon al la amantoj de la naturo kaj de la vivo mem . Vi jam povas imagi, ke dum la longa irado, la vilaĝanoj interbabiladas pri la plej diversaj temoj, kvankam verdire tiu plej grava estas la bela aŭ malbela aspekto de la kamparo.Skribi detale pri tiuj konversacioj estus kvazaŭ verki libron, ĉar ja la opinioj estas ofte tre malsimilaj kaj kompreneble okazas, ke opinio de kamplaboristo ne estas la sama,ol tiu de bienposedanto, rilate al diversaj vidpunktoj sociaj, eĉ se ĉiuj babiladas en la sama grupo.

Ĉiu pilgrimas al la ermitejo por aŭdi la sanktan meson kaj la predikon. Ĉi tiu religia Diservo ne estas simila ĉiujare, ĉar tio dependas de la vervo de la predikisto . Tuj post la finiĝo de la sankta meso, ĉiuj pilgrimantoj revenas procesie al la vilaĝo, kunportanta la Virgulinon sur la ŝultroj. La Virgulino restas en la vilaĝa preĝejo proksimume ĝis la kvara horo posttagmeze, kiam denove komenciĝas alia procesio al la ermitejo, kien oni rekunportas la Virgulinon. Ĉi tiu procesio estas pli ĉeestata ol tiu okazinta matene. Sed ne pensu, ke ĉiuj iras kune, tute ne, ĉar pligrimas aliaj, kiuj preferas iri en apartaj -grupetoj, gaje babilante. Ili estas precipe gejunuloj, kiuj en amikecaj rondoj jam komencas posttagmeze la amuziĝon. Kaj jen denove la spektaklo matena, la kamparo plene invadata de homoj gajaj kaj feliĉaj. Jen la procesio iranta sur la plej grava vojo, kun siaj religiaj kantoj, kaj jen la alia parto de la homoj, grandparte gejunuloj, plenvoĉe kantante la plej modernajn kanzonojn. Ŝajnas kvazaŭ unu estus komplemento de la alia, kaj la homoj de la procesio dirus: "ni dankas vin, nia amata Virgulino, por favori tiujn homojn, kiuj apud ni estas tiom feliĉaj en siaj amuzoj". Kaj la gaja junulara grupo, per sia kantado - vigla, ŝajnas kvazaŭ danke respondus la fervoran piecon de tiuj homoj, kiuj aparte sekvas la Patroninon de la vilaĝo, kiu estas Nia Sinjorino, la Virgulino de Ronte. Estas aldoninde, ke ĉi tiu pilgrimado ĉiam estas akompanata per la tipa kaj tradicia kastilia muziko,la fama ŝalmcsimila "dulzaina", orkestro konsistanta el diversaj flutoj kaj unu aŭ du tamburoj, sperte ludataj de la muzikistoj de la vilaĝo mem.

La posttagmeza Diservo ne estas longa. La pastro bone komprenas, ke la homoj deziras iri al la apuda plata tereno, por ekĝui la plej belan kaj tradician feston, okazanta en - Osorno, vilaĝo de Kastilio, je 825 metroj sur la marnivelo, sen ia monto, sed en alteco - grava. La zorganto de la ermitejo, pere de sonorilo, anoncas la finon de la religia cere-



monio kaj la komencon de la alia, la manĝadon de tiu rostita viando. Nu ,jen la plej gaja kaj populara festo ekzistanta en la vilaĝo, festo, kiun ĉeestas ĉiu vilaĝano, ĉu en familia rondo, aŭ kun la geamikoj. Neniu, absolute neniu, restas sola; se iu hazarda vizitanto nek havas familion,nek konatojn, li estas invitata kunmanĝi en iu ajn grupo. Ho ve !, se la homaro estus ĉiam tiel solidara, kiel la osornanoj en tiu tago, certe la homaro estus vere feliĉa !

Nu, alvenis la atendata momento gustumi la eksterordinarajn manĝaĵojn. Sed permesu al mi iom raporti, kiamaniere "alvenas" tie la rostitaj ŝafidoj, kunikloj kaj kokoj,krom la pano, vino, k.t.p., ĉar ja ĉio estas grava parto de ĉi tiu tipa festo de la kastilia popolo. Evidente, la hejmomastrinoj estis ege okupataj dum la mateno, kaj eĉ dum la antaŭaj tagoj de la festo, preparante ĉion necesan. Nepras diri, ke la diversaj rostitaĵoj estis pretigitaj de la panfaristoj, kiuj ankaŭ estas spertaj en tiu arto. Sed al la "ĉefa" manĝaĵo oni devas aldoni aliajn, kaj por ordigi ĉion adekvate estas bezonata multe da tempo kaj pacienco, pri kio la kastilia virino multe scias. Jen do ĉio jam preta en grandaj kestoj, kies volumeno komprenoble jam dependas de la nombro de manĝontoj. La transporto de tiuj kestoj estas io ordinara por la Osorno-a loĝantaro, sed ĝi en mia opinio estas tre originala. La viroj jungas la mulinojn al la ĉaro, oni ŝarĝas ĉiujn kestojn, vinkarafojn, iujn tukojn kaj ĉion alian, kio komplementas la organizadon de la festo. Krome, ankaŭ oni "ŝarĝas" la infanojn kaj maljunulojn !! La trairota vojo al la ermitejo estas tre konata de la vilaĝanoj, sed la problemo kuŝas sur la fakto, ke oni devas travadi du riverojn, la Valdavia-n kaj la Boedo-n. Ĉiu ĉarkondukanto estas sperta por tiu tasko,sed okazas, ke se la printempo estis pluvema, la akvofluo de la riveroj estas iom impulsa,kaj eĉ la riverfundo estas modifita. Pro ĉi tiuj cirkonstancoj ofte la infanoj kriadas kaj la maljunuloj konsilas la ĉargvidanton. Normale nenio grave okazas, tamen se iam iu ĉaro restas embarasita en la rivero la vilaĝa komentario estas severa, kaj la respondeculo hontas antaŭ siaj samvilaĝanoj, pro sia fiasko.

Sed ne pensu, ke ĉiuj kestoj alvenas al la ermitejo tiamaniere. La gejunuloj preferas iri piede kaj ili mem kumporti la famajn manĝokestojn. De tempo al tempo ili sidiĝas survoje, malfermas la tipan kastilian peltobotelon, trinkas vinon, gaje kantas.Estas aliajn junularaj rondoj, kiuj preferas respondeciĝi la knabojn pri la transporto de la kestoj, kiuj pro mondonaco aŭ senpaga vespera kunmanĝado realigas tiun laboron.Tamen oni devas atenti, ke survoje tiuj knaboj ne manĝu parton de la karaj manĝaĵoj. Se iam tio okazas, la bona humoro de ĉiuj bone aranĝas la situacion.

Finiĝis la posttagmeza Diservo kaj, kiel jam dirite, la sonorilo de la ermitejo anoncas la komencon de la festeno. Se la japanoj havas sian ceremonion por la teotrinkado,ankaŭ la osornanoj havas sian specialan agomanieron por sidiĝi apud la grandaj kaseroloj. Unue oni devas serĉi lokon platan, en kiu la herbaro ne estas tre alta, poste oni etendas la grandajn tukojn kaj formas la familian cirklon. La gejunuloj agas same,kvankam ili preferas lokojn for de tiuj rondoj familiaj, por resti pli liberaj kaj sendependaj.

Granda terenspaco pleniĝas je aroj da homoj feliĉaj. Okazas, kvazaŭ subite la tero ŝprucas strangajn kaj nekonatajn florojn. Dum kelka tempo regas silento. Ĉiu estas okupata en sia laboro. Inter la diversaj rondoj oni interŝanĝas manĝaĵojn kaj invitas trinki

vinon, preskaŭ ĉiam uzante tiun faman ledobotelon, kiu estas farita el felo de ŝafido, kuniklo aŭ eĉ de kato.

Sed la silento ne daŭras longe. Baldaŭ la junularo komencas kanti. La bona manĝado kaj la altgrada vino helpas la homon esprimi siajn sentojn de feliĉo kaj vivodeziroj. Povas okazi, ke iu drinketis iom pli ol kutime, tamen ne ekzistas tiu malvirto inter la Osornanoj, escepte de raraj okazoj, kiel en kiu ajn faceto de la homvivo. Nu, oni jam ĝissate manĝis kaj sufiĉe trinkis, kion do postulas la "pekanta" korpo ? Amuziĝi, daŭre amuziĝi, kio estas ankaŭ leĝo de la vivo. Denove jen la tipa kastilia orkestro. La balo komenciĝas. Tie, en la larĝa Kastilio, lime kun la kantabra montaro, la flutoj kaj kastiliaj tamburoj, bone ludataj de spertaj manoj, invitas la homojn ĉion forgesi kaj ekskluzive sin dediĉi al reciproka amuzado. La muzika alvoko estas amase sekvata de la dancemuloj plene ĝuantaj la feston. Al la balo aliĝas, krom ĉiuj gejunuloj, multaj plenkreskuloj kaj maljunuloj, kiuj deziras rememorigi siajn junajn jarojn. Eĉ la pastroj fariĝas okazaj spektantoj. Evidente, la gepatroj rigardas sian filinon aŭ filon, kaj sub gepatra vidpunkto ili antaŭjuĝas, ĉu la respektive kundancant/in/o estas konvena por ili. Tio ja ne estas evitebla en vilaĝo, sed ankaŭ oni devas diri, ke kiam la geamikoj deziras malaperi la gepatra kontrolo fariĝas vana. Antaŭ la fino de la festo, iuj tre piaj homoj denove eniras la ermitejon, por danki al la Virgulino pro la bela travivita tago. Kiam la orkestro ludas la aragonan ĥoton, tio signifas, ke la festo finiĝis kaj oni devas reiri al la vilaĝo. Male al la iro, la reiro okazas en grandaj grupoj, grupoj, kiuj senĉese kantadas tradiciajn kaj popularajn kanzonojn, ne forgesante la aktualajn. La harmonio inter la pilgrimantoj estas tiom granda, ke ofte, kvazaŭ ordono de iu ĉefo de ruĝhaŭtuloj, ili sin metas en longa vico, vico, kiu foje estas longa je pli ol unu kilometro, kaj tiamaniere, mane surmane, oni reiras al la vilaĝo, kie finiĝas la festo. La kantoj, voĉoj, krioj de la homoj, la verdeco de la kampo, la allogo de la vitplantejoj kaj la sunsubiro, tie en la malproksimeco, kie ŝajnas, ke la ĉielo kuniĝas kun la tero, estas spektaklo unika, kiun la urbanoj neniam povas ĝui.

La festantaj homoj translokiĝas al la placo de la vilaĝo, kie la festo estas daŭrigata, Festo de Nia Sinjorino, la Virgulino de Ronte. Kompreneble, la Diservoj estas finitaj kaj la homoj nur pensas profiti la nokton en la plej gaja harmonio, kaj ĉiam sub la influo de la tipa kastilia muziko. Evidente, en la vilaĝo ankaŭ oni ludas modernan muzikon en la dancejo, tamen dum ĉi tiu tago estas la tradicia muziko, kiu ornamas la lokan feston, muziko, kiu estas kore kaj varme akceptata de la loĝantaro. Nu, denove jen en tiu publika balo la dancanta junularo, en akompano de jam plenaĝaj homoj. La etoso estas grandioza, ĉar regas, almenaŭ dum tiu nokto, familia kaj homa kunvivado. Kaj ree aperas la gepatroj kun sia vilaĝa kutimo; konstante kontroli, kion faras la gefiloj. Sed estas necese aldoni, ke tiu vilaĝo kastilia, Osorno, estas tre liberala. Ĉiuj amuziĝas laŭdezire, tamen ĉiam sub la reguloj de la bone ricevita edukiteco. Ĉi tiu agitita kermeso maksimume daŭras ĝis la dua horo de la sekvanta tago, ĉar baldaŭ, post iom da dormo kaj ripozo, ĉiu nepre devas sin prepari por la laboraj postuloj.

Pasis la Festo de Nia Sinjorino, la Virgulino de Ronte, kaj la osornanoj revenas hejmen lacaj, sed kontentaj, ĉar ili travivis specialan tagon, kiu estos rememorata dum multaj jaroj. La sekvantan tagon, jam fininte la laboro, en la vespero la gejunuloj analizas la okazintajoj de la antaŭa tago, kaj same faras la plenkreskuloj. La festo en si mem, ha-

(daŭrigo sur la paĝo 13)

# KRISTNASKA KANTO

## ALVENU FIDELAJ

LATINA










Alestu fidelaj
ĝoje triumfantaj
ho venu, alvenu
al Betleĥem'.

Vidu naskitan
Reĝon de Anĝeloj.
Alvenu kaj adoru.
Alvenu kaj adoru.
Ni venu kun ador'
al Krist' Sinjor'.